LA REVUO ORIENTA 目 次 JARO XVI, N-RO 3, MARTO, 1935

## SPECIALA NUMERO 2-a PRI JAPANA LITERATURO

(日本文學紹介特輯 2)

源氏物語

空蟬

# UCUSEMI

La Tria Ĉapitro de

" GENĴI-MONOGATARI."

Tradukis KAWAMURA-Sin'itiro.

## Klarigoj pri personoj:

Genĵi, Princo.... Filo de Mikado Kiricubo.
Ijo-no-Suke .... Edzo de Ucusemi.
Ki-no-Kami.... Filo de Ijo-no-Suke.
Kogimi.... Plijuna frato de Ucusemi.
Nokiba-no-Ogi.... Fratino de Ki-no-Kami, duonfilino de Ucusemi.
Ucusemi.... Edzino de Ijo-no-Suke. Ŝia nomo devenas de la poemoj, kiuj aperas en la fino de la ĉapitro. Ĝi signifas "cikadan ŝelon."

GENĴI ne povis endormiĝi kaj dume li diris: "Antaŭe neniu min tiel malŝatis. Vere ĉi tiun nokton por la unua fojo al mi ŝajnas, ke la mondo estas malagrabla. Mi ne povus plu toleri pro malĝoja honto." Tion alflustrite, la knabo (Kogimi) kuŝis kun larmoj en okuloj. Genĵi pensis, ke li estas aminda. Tuŝante lin, Genĵi sentis kun ĝojeto la malgrandan korpon kaj ne tre longajn harojn de la knabo, kiuj estis multe similaj al tiuj de lia fratino. Li eĉ volis perforte serĉi kaj alproksimiĝi ŝin (Ucusemi), sed li tion ne kuraĝis pro la timo de malagrabla onidiro. Li tiel kuŝis kaj atendis la tagiĝon. Finfine kiam estis ankoraŭ mallume, sen kutima alparolo al sia paĝio Genĵi foriris. La paĝio kompatis la mastron kaj estis malgaja. La nobelino (Ucusemi) ankaŭ ne estis trankvila; ŝi pensis pri li ne simple kompatinda. Al ŝi jam ne venis liaj leteroj; ŝi unue estis kvieta, pensante, ke li ŝanĝis sian intencon. Se li ĉesos ami ŝin, ŝi mem estos tre malĝoja. Tamen se li agados tiel pro la amo al ŝi, kiu havas edzon, estos ne tolereble. Ŝi pensis en sia koro, ke ŝi volas esti enfermita en li en tia maniero, kia ne forgesiĝos baldaŭ. Ŝi ofte pasigis tempon nur pri li pensante.

Genĵi, kvankam li ne estis agrabla pro ŝia kontraŭemo, neniel povis ĉion forgesi; li turmentiĝis je amo al ŝi sen racia konsidero. Li diris al sia paĝio, Kogimi: "Ĉar ŝi estas al mi tiel malvarma kaj tio multe min ĉagrenas, mi ofte volis senigi la amsenton. Tamen malgraŭ ĉio mi estas turmentata. Mi jam ne povas plu toleri. Vi trovu bonan ŝancon kaj klopodu, ke mi povos ŝin vidi." Kogimi pensis tion ĝena, sed li ankaŭ ĝojis, ke la mastro diris al li kun konfido. Li, kvankam juna, estis atendanta la okazon, kiu baldaŭ vere venis. Ki-no-Kami foriris al la provinco laŭ ordono, kaj en la domo restis nur virinoj. *Estis en vesper' la vojoj tre malklaraj.*[1]—dank' al la senlueco Genĵi sekrete iris

1. *Estas en vesper'*
*La vojoj tre malklaraj.*
*Post la lun-aper'*
*Ci, amatin', ho venu!*
*Mi atendas cin en ver'.*
— Man'joošuu.

al ŝia domo per la veturilo de la paĝio. Genĵi estis iom timema, pensante la junecon de la knabo, sed li neniel povis lasi la planon. Li alivestiĝis kaj rapidis, por ke li atingu al ŝia domo antaŭ la fermiĝo de la pordego. Ili enir'gis la veturilon tra flanka pordego kviete. Tie Kogimi petis la mastron eliri el la veturilo. Ĉar Kogimi estis knabo, la gardistoj ne atentis nek salutis lin kaj ili estis senĝenaj.

Kaŝe stariginte la mastron ĉe la pordo orienta, Kogimi eniris kun bruo tra pordo de la ĉambro ĉe angulo de la suda parto de la domo. La servistinoj diris: " Malbone, ke vi lasas la pordon malfermita." Kogimi ilin riproĉetis: " Kial oni fermis la pordon en tia varmeco? " La servistinoj respondis: " Post tagmezo venis la Nobelino de Okcidento (Nokiba-no-Ogi) kaj ŝi nun ludas goon* kun nia mastrino (Ucusemi)." Aŭdinte tion, Genĵi volis vidi la amatinon kunsidantan kun la gastino. Li kviete ekmoviĝis kaj eniris inter la kurtenoj.

La pordo, tra kiu Kogimi eniris, ne estis ankoraŭ fermita, kaj oni povis travidi internon. Genĵi trarigardis al okcidento. La ekrano ĉe la enirejo de ĉi tiu ĉambro estis parte faldita; la kurtenoj, kiuj ordinare malhelpas la trarigardon, ankaŭ estis suprenigitaj. Tial li povis havi tre bonan trarigardon. Oni metis lampon apud la goludantinoj.

Genĵi tuj rimarkis, ke la nobelino, kiu sin apogas al ia meza kolono de la ĉefa salono, estas la amata. Ŝi ŝajne vestiĝas en maldika kostumo de malhele purpura koloro kaj sur ĝi ŝi portas ion, kion oni ne klare vidas. Ŝia kapeto estas gracia, la malgranda korpo estas svelta sen tro da majesteco. Ŝi ŝajne penas kaŝi sian vizaĝon de la kunulino. Ŝiaj manetoj estas maldikaj kaj ŝi ĉiam estas ilin kaŝema.

Ŝia kunulino sidis kun sia vizaĝo al oriento kaj tial li povis vidi ŝin perfekte. Ŝi portis kostumon el blanka maldika ŝtofo kaj sur ĝi ŝi havis senzorge metitan surtuton ornamitan per ruĝaj kaj bluaj floroj. Ŝia vestaĵo ne estis zorgeme kunigita; la brusto nuda montriĝis eĉ ĝis la ruĝa zoneto ĉe la talio. Tiel ŝi estis en facila maniero. Ŝia vizaĝo estas tre blanka kaj delikata; ŝi estas tre dika, sed estas altkreska. Ŝiaj kapo kaj frunto estas belaj, la okuloj kaj buŝo havas amindan aspekton, kaj ŝia mieno estas multe gracia kaj eleganta. Ŝiaj haroj estas tre riĉaj kaj ne tre rongaj; tamen ili estis belaj, mallongigitaj ĝis la alteco de la ŝultroj. Ŝi ne havas malbelan punkton kaj ĉiuokaze ŝi estas belulino. Vere ŝi estas aminda filino; estas ne mirinde, se ŝia patro (Ijo-no-Suke) estas fiera pri ŝi. Se ŝi estus pli trankvila, ŝi estus perfekta, li ekpensis. Li subite vidis denove ŝin kaj konsideris, ke ŝi ankaŭ estas neniel malbona.

Ili finis unu ludon de goo. Ŝi rapidis forigi nebezonatajn pecojn. Ŝi ja estis maltrankvile tro rapidema. Ŝia kunulino (Ucusemi), kiu sidis pli interne tre milde kvietigis ŝin dirante: " Atendu momenton, mi petas. Jen estas malbona peco. Mi volas plu tiel —." " Nu, ĉi-fojon mi estas venkita. Mi kalkulos la angulon, nun," dirante, la alia komencis kalkuli " dek, dudek, tridek, kvardek," per siaj fingroj. La kalkulmaniero tre

---

* goo: japana ludo iom simila al eŭropa ŝakludo.

rapidema rememorigas la multenombrecon de la traboj de *banejo de Ijo.*[2] Ŝi tiam estis ne eleganta.

Male ŝia kunulino (Ucusemi) estis kaŝanta sian vizaĝon senkompare elegantan, kaj oni ne bone ŝin vidas. Sed Genĵi observis pene kaj al li ŝajnis, ke li povas supozi ŝian profilon. Ŝiaj palpebroj estas iom ŝvelintaj kaj ŝia nazo estas ne be'a kvazaŭ tiu de maljunulino. Tiel ŝi havis iujn malbelajn punktojn en sia vizaĝo. Oni povus diri, ke ŝi estas iom malbela. Sed ŝia trankvila eleganteco ŝajnis al li tre valora kaj li pensis, ke ŝi estas pli aminda ol la pli bela kunulino. Ĉi tiu estas senzorge brua kaj koketa; nun ŝi paradas sian ĉarmon fiere kaj ridegas amuze. Ŝi ŝajne estis treege aminda. Li pensis, ke ŝi estas tro brua, sed en sia kaprica animo li ne volis forlasi ankaŭ ĉi tiun junulinon. Ĝis nun li vivis en tuta ceremonieco; ĉiuj, kiujn li vidis, neniam estis en libera maniero; ili estis ĉiam rigidaj kaj sindetenemaj; li tial vidis nur ilian surfacon malprofunde. Do al li estis nove kaj interese trarigardi sekrete tiel ĉiutagan vivadon. Li nur sentis iom hontema por la du junulinoj, kiuj tute ne scias, ke ili estas ŝtelvidataj. Li ja volis vidadi pli longe, kiam subite elvenis Kogimi; Genĵi kviete retiris sin.

Genĵi staris ĉe la enirpordo de la koridoro. Tien veninte Kogimi kompate pensis, ke li tro atendigis la mastron kaj kun pardonpeto diris: "Ĉar estas nekutima gastino, mi ne povas proksimiĝi al mia fratino." Genĵi diris: "Ĉu vi diras, ke mi hejmeniru jam nur ankaŭ ĉi tiun vesperon? Tio estas terure malĝoja por mi." Kogimi respondis: "Ne, ne, vi restu ĉi tie. Kiam la gastino foriros, mi provos laŭ mia plano." Genĵi kredis, ke la paĝio bone faros flatlogi sian fratinon, ĉar kvankam li estas nur knabo, li estas saĝa kaj kviete observas la cirkonstancon de l' afero kaj karakteron de l' homoj.

Devas esti, ke ili finis ludi goon. Brueta susurado montras, ke oni nun retiriĝas ripozi. Iu servistino vokis: "Kie estas la juna mastro (Kogimi)? Ĉi tiun pordon mi jam riglos," bruetigante la riglilon glitigitan. "Nun fariĝis trankvile. Ni eniru; mi atendas vian planon," diris Genĵi. Kogimi bone sciis, ke lia fratino havas tiel firman decidon, ke neniu povas ĝin ŝanĝigi. Li ankaŭ sciis, ke li ne sukresos, se li parolos pri la afero antaŭe; li tial intencis konduki la mastron rekte al ŝi, post kiam ĉiu foriros kaj neniu estos apud ŝi. Genĵi demandis: "Ĉu la fratino de Ki-no-Kami estas ankaŭ ĉi tie? Mi volas ŝtelvidi ŝin." La paĝio respondis: "Neniel vi povos videti ŝin, ĉar oni metis ekranon post la pordo." "Vere," diris kvazaŭ surprizite Genĵi, kiu tamen jam vidis ŝin. Tion li ne volis sciigi al la knabo. Li jam fariĝis senpacienca; li nun tre volas proksimiĝi al sia amatino, kaj e'diris, ke li fariĝis maltrankvila, ĉar la nokto nun profundiĝis.

---

2. a) *Banej' de Ijo*
*Havas multe da traboj.*
*Ja ok maldekstre,*
*Dekstre estas naŭ traboj,*
*En mez' dekses da traboj.*
—Rokkaŝuu.

b) *Banej' de Ijo*
*Havas multe da traboj;*
*Mi ne kalkulis.*
*Ne kalkulos la knaboj,*
*Kiom estas da traboj.*
—Saibara.

La knabo konsentis kaj eniris, frapante ĉi tiun fojon la ĉefan pordon. Ĉiuj jam estas endormiĝintaj silente. "Mi dormos apud la enirejo (de la antaŭĉambro). La vento eniru kaj trablovu agrable," dirante tiel, Kogimi ekkuŝis sur la lito etendita. Multaj servistinoj estis dormantaj tie ĉe la rando de orienta antaŭĉambro. Ankaŭ la knaboservisto, kiu malfermis la pordon por Kogimi, tie jam kuŝis. Tial Kogimi ŝajnigis sin dormanta. Sed baldaŭ li ekstaris kaj etendis la ekranon kontraŭ la lumo de la lampo kaj en ĉi tiun ombron li enirigis la mastron kviete. Genĵi ne estis certa, ĉu Koĝimi bone faros por li. Kun multa dubo li sekvis la paĝion al la kurteno ŝirmanta la ĉefan dormoĉambron; kaj ĝin suprenigante, li eniris senbrue. Sed en la silenta nokto eĉ tia kvieta movo de lia vesto estis terure elstaranta.

La nobelino (Ucusemi) iam pensis, ke ŝi estas tre ĝoja, ke Genĵi forgesis ŝin viziti, kaj ke ŝi estas libera de la malfeliĉa amo. Tamen samtempe ŝi malĝojas. De ŝi ne foriris la rememoro de ilia antaŭa stranga kaj sonĝa afero kaj tiutempe *estas ŝi ho ve sen dorm' eĉ iom en angulo.*[3] *En taĝ' rigardas; eĉ en nokt' maldormas ŝi,*[4] tial kvankam nun ne estas printempo, ŝiaj *okuloj ne ripozas*[4] kaj ŝi multe malĝojas. Male la alia (Nokiba-no-Ogi), kiu kun ŝi ludis goon, kuŝis ĉi tiun vesperon tie ĉi, havinte kontentigan interparolon. Ĉar tiu gastino estis juna kaj ankoraŭ ne sciis ĝenan malĝojon, ŝi estis bone endormiĝinta.

Kaj jen oni sentas la bonodoron, kiu venas de la vesto de la Princo. La nobelino ankoraŭ ne endormiĝinta suprenigis sian kapon, kaj ŝi klare rimarkis, kvankam en mallumeco, ke iu proksimiĝas al ŝi. Ŝi povis vidi lin tra malplenaĵo de la ekrano, kie oni pendigis antaŭe maldikan veston. Ŝi eksentis terura kaj ne havinte la tempon por konsideri ion, ŝi ekstaris subite kaj forglitis, surmetinte nur unu maldikan veston el kruda silko. Post momento eniris Genĵi. Li vidis ĝoje, ke tie kuŝas nur unu. Apud la litoj por la nobelinoj dormis du servistinoj. Li forĵetis sian surtuton kaj proksimiĝis al la lito. Li trovis, ke la dormantino estas pli grandkreska, ol lia amatino, sed li ne vidis tuj kiu tiu estas. Al li estis strange, ke ŝi tiel bone dormadas kaj ankaŭ la figuro sciigis al li, ke ŝi estas alia. Finfine li komprenis, ke ŝi ne estas lia amatino. Li pentis malĝoje. Sed li pensis, ke estos sensence, se ŝi supozos, ke li erare venis al ŝi. Li ankaŭ pensis, ke estos tute sensence, se li postsekvos la veran sinjorinon; tiam ŝi pensos malbone pri li, ĉar ŝi jam tiel malamike de li forkuris. Se tiu dormantino estas la bela junulino, kiun li vidis apud la lamplumo? Li, pensante, ke ŝi ankaŭ estas aminda, mem surpriziĝis je sia frivoleco.

Finfine ŝi vekiĝis. Ŝi multege miris kaj ektimiĝis, sed verŝajne ne tiel profunde. Al ŝi mankas zorgemo. Ŝi, kiu ne ankoraŭ multe spertis ĝenan vivadon, ne malĝojis; ŝi estis eĉ iom senpripense flatema kaj eĉ ĉi tiu subita vizito ne multe ŝin agitis.

---

3. *En vintra nokto,*
*Se mi ploras pro la form'*
*De vi, karulo,*
*Estas mi ho ve sen dorm'*
*Eĉ iom en angulo.* — Ŝuuiŝuu.

4. *En tag' rigardas,*
*Eĉ en nokt' maldormas mi*
*Mi tiel gardas.*
*En printemp' pro am' al vi*
*Okuloj ne ripozas.*—Malnova utao.

Unue Genĵi intencis, ke li ne sciigos al ŝi pri si. Sed eble poste ŝi sentos strange, kial li faris tiel. Tiam li mem neniel ĝeniĝas, sed pripensinte kaj kompatinte la kruelan sinjorinon (Ucusemi), kiu per sia tuta forto kaŝas la aferon de la mondo, li diris al ŝi tre lerte, ke li venis ĉi tien por eviti malbonan direkton* ankaŭ antaŭajn fojojn, esperante vidi ŝin. Tiu, kiu estas rezonema, tuj vidos, ke tio estas ja fiktiva. Tamen ĉi tiu, kiu ankoraŭ estas tre juna kaj simpla, ne komprenas tion, kvankam ĉio estis tiel altrudema. Li ne malŝatis ŝin, sed li ne povis ne flugigi sian penson al la malamike forkurinta sinjorino. Ien forkurinte, ŝi eble pensas pri li, kiun ŝi lasis en tiel ridinda situacio. Vere oni trovas tre malfacile tiel obstinan personon kiel ŝi. Kaj tamen li neniel povas ŝin forgesi.

Nun antaŭ li estas gaja junulino aminda (Nokiba-no-Ogi); al li plaĉis ŝi; ili parolis kiel geamatoj. Genĵi alparolis al ŝi ame: "'Tia sekreta amo estas pli eleganta, ol la amo, kiun oni bone konas,' tiel oni diris jam de pratempo. Estu ĉiam min amanta. Mi estas en la situacio, kiu ne permesas al mi agi laŭ mia volo; mi ne povos vidi vin ofte. Ankaŭ via familio ne permesos tian aferon; tiel pensante, mi fariĝas ne tolereble malĝoja. Ne forgesu min, kaj atendu min." Ŝi diris, kion ŝi pensas: "Mi hontos, se aliaj ion diros pri mi, tial ne povos eĉ skribi leteron." "Estus malbone, se oni sciiĝus pri ĉi tio ĝenerale. Sed mi povos korespondi kun vi per tiu nobeleto (Kogimi). Ŝajnigu, ke nenio okazis ĉe ni," tiel dirinte, li eliris kun la maldika vesto lasita de la sinjorino (Ucusemi) en la manoj.

Li vekis la paĝion Kogimi, kiu estis dormanta proksime. Ĉar Kogimi ne estis tiel bone dormanta pro maltrankvileco, li tuj vekiĝis. Li kviete malfermis la pordon por Genĵi. Maljuna ĉefservistino riproĉis laŭte: "Kiu estas tiu" Ĝenite, Kogimi respondis: "Estas mi." Ŝi diris, kvazaŭ konsilante: "Kial vi ekstereniras en la noktmezo?" Kaj elvenis. Abomenante ŝin li diris: "Ne, mi volas nur piediri ĉi tie," kaj li elŝovis la mastron. La luno ĵus antaŭ la tagiĝo briletis ĉirkaŭe, kaj la figuro de Genĵi hazarde vidiĝis al ŝi, kiu demandis: "Kun kiu vi iras?" Ŝi tuj respondis al si mem: "Ja tiu estas Mimbu. Kiel altkreska ŝi fariĝis!" La maljunulino diris pri la servistino, kies altecon oni ridis en la domo; ŝi imagis, ke Kogimi akompanas tiun servistinon kaj ŝerce diris: "Ankaŭ vi kreskos tiel granda kiel ŝi, juna Mastro," kaj dume ŝi eliris el la pordo, kiun ili ĵus trapasis. Genĵi sentis ĝeniĝon, sed ĉar li ne povas ŝin repuŝi, li staris kaŝe en la ombro ĉe la fino de la koridoro. La maljunulino alproksimiĝis al li kaj plendis: "Ĉu vi deĵoris hodiaŭ vespere? Mi havis severan kolikon de antaŭhieraŭ kaj restis en mia ĉambro. Pro la ordono de nia mastrino, ke mi ankaŭ venu, ĉar nur malmulte da servistinoj estas apud ŝi, mi venis ĉi tien hieraŭ vespere, sed ve! mi ne povus toleri." Ne atendante la respondon, ŝi eliris, dirante: "A! dolore, dolore. Nu, ĝis revido." Tiel Genĵi povis ekstereniri kun peno. Li eble komprenis, ke tia inkognito estis tro senpripensa kaj danĝera kaj finfine sciiĝis la malfacilecon de tia afero.

---

* Laŭ ordo de *In'joo* (ĥina kaj japana astrologio) oni devas eviti la direkton, kiu estas malbona pro la dio Nagakami (aŭ Ten'iĉiĵin).

Genĵi veturis al sia domo Niĵooin kun Kogimi, kiu rajdis post la mastro. Kaj tie li rakontis al Kogimi la aferon de la vespero kaj li riproĉis lin pro lia fuŝo knaba. Li plendis pro la sinjorino, kiu tiel de li forkuris. Kogimi sentis malfeliĉon kaj ne povis respondi al sia mastro. Genĵi diris: "Mi estas tute rompita. Ŝi abomenas min tiel multe. Estas vere tro kruele, ke ŝi ne alparolis al mi eĉ unu aman vorton. Ja kompatinda estas mi, kiu estas malpli bona, ol Ijo-no-Suke," li diris iom moke al si mem pro ofendiĝo.

Li kuŝiĝis, tamen, metante de ŝi lasitan veston sur sia lito. Li ordonis, ke Kogimi dormu apud li, kaj li plendis kaj parolis al la knabo. "Mi ŝatas vin, sed ĉar via fratino estas tiel kruela al mi, mi ne povos esti agrabla apud vi. Mi ne scias, kiam ni disiĝos," diris Genĵi serioze. Kogimi multe malĝojis. Iom ili ripozis sed Genĵi ne povis dormi. Li portigis rapide la inkujon, kaj li skribis, ne kiel letero, sed en formo de skribekzercado sur peco da faldita papero:

> Kiel la cikad',
> Jetis veston vi, anĝel';
> Tion prenis mi.
> Vidas en cikada ŝel'
> Mi odoron de nobel'.

Kogimi tion prenis en la poŝon kaj ĝin portis. Genĵi afliktiĝis ankaŭ pri la koro de la juna nobelino (Nokiba-no-Ogi), sed post kelkaj pripensoj li decidis, ke li ne sendos al ŝi transsaluton. La maldikan veston lasitan de la sinjorino, en kiu li vidas ŝian karan odoron, li longe havis apud si kaj li ĝin ofte rigardis.

Kiam Kogimi atingis la hejmon, li trovis sian fratinon atendanta por li. Ŝi riproĉis multe pri la afero de la pasinta vespero. Ŝi ofendis lin: "Pro troa sovaĝeco mi kun malfacilo povis forkuri. Sed mi estis tre embarasita, ĉar mi neniel povis klarigi la aferon al la aliaj. Mi ne povas kompreni, kial la Princo konfidas vin, tiel malsaĝan." Spite de sufero de ambaŭ flankoj Kogimi eltiris la paperon el sia poŝo. Ŝi ne povis ne legi. Kiel pri la lasita vesto? Ŝi ekpensis pri la poemo *Ĉe mar' Iseo*,[5] kaj ankaŭ tiu vesto lasita de ŝi estas uzita. Ŝi estis hontanta kaj maltrankvila, sin demandante, kiel la Princo pensis pri ĝi.

Dume la Nobelino de Okcidento (Nokiba-no-Ogi) ankaŭ estis tre hontema, kaj retiriĝis al ŝia ĉambro. Por ŝi la afero estas tute sekreta kaj tial ŝi sola meditis. Ĉiun fojon, kiam ŝi vidas Kogimi' trairanta ĉirkaŭe, ŝi ekscitiĝis multe, sed al ŝi neniu letero venis. Ŝi, tamen, ne malĝojis sincere; ŝia gajeco iomete nubiĝis.

La sinjorino kruela (Ucusemi) forkuris abomene de li, sed vidante la fortan amsenton de Genĵi el la sendita poemo, ŝi multe malĝojis. "Se mi ankoraŭ estus fraŭlino kiel

*(daŭrigata sur paĝo 80).*

---

5. *Ĉe mar' Iseo*
*Fiŝkaptisto lasis min*
*Ja kiel veston.*
*Ĉu vi ne rigardas min*
*Kiel uzitan veston?*
— Gosenŝuu.

堤中納言物語

虫めづる
姫　　君

# Fraŭlino kiu amas bestetojn

## El "CUCUMIĈUUNAGON-MONOGATARI"

Tradukis F-ino Teru HASEGAŬA

Ie loĝis fraŭlino kiu amis papilion, kaj apude ankaŭ fraŭlino tre favorzorgita de l' gepatroj, genobeloj. "Ha, kial oni ŝatas florojn kaj papiliojn? Sensencaĵo!", opiniis tiu ĉi fraŭlino. "Homo veron posedas, do esplori substancon de objekto valoras estimon", kaj ŝi kolektis multe da timigaj bestetoj, metis en kaĝojn kaj skatolojn por observi kiel ili kreskas. Precipe raŭpoj, kiuj, laŭ ŝi, aspektas signife, al ŝi plaĉis. Ilin kuŝigis ŝi surmane kaj rigardadis ĉiutage. Junaj servistinoj timis—tremis, jen kial ŝi dungis knabojn kuraĝajn kaj maldelikatajn, demandis ilin pri nomoj de l' enujaj bestetoj, kaj al nekonataj donis nomojn siaflanke. Tio estis granda amuzo por ŝi.

Rigardanta tualeton senescepte malbona, la fraŭlino nek forrazis brovojn nek ŝmiris la dentojn per la nigraĵo,* dirinte "ĝena kaj mulpura!" Ĉar la servistinoj de teruro kuris, ŝi, malfavora, ege insultis ilin kiel aĉajn vulgarulojn. Akra rigardo ŝia de sub la nigraj brovoj sur ilin! Aĥ, timiga, korskua!!

"Strangulino", pensis la gepatroj. "Sed ŝajnas, ke ŝi havas sian opinion, kvankam kion ni ne komprenas." Kiam ĉi tiuj admonis ŝin, ŝi ĉiufoje kontraŭparolis, kaj eĉ tiun emon ili taksis alte. "Tamen pripensu", al la filino diris la gepatroj. "Homoj ŝatas belan aspekton. Se oni aŭdas ke vi amas abomenindan raŭpon... ni timas—" "Nenio grava!" ŝi respondis. "Profunde esploru devenon kaj poste vin turnu al nuna fenomeno. Tiam ĉio interesas vin. Eĉ infano devus scii ke ja raŭpo fariĝas papilio." Kaj ŝi montris al ili aliformiĝantan raŭpon. "Homan veston, kiel ĉiuj vidas, faras silkraŭpo dum senflugila, sed oni tuj malatentas ĝin kiam papilio ĝi estiĝas." Nun neniu vorto por la du,—nur gapa mieno.

Aŭdinte tion la junaj servistinoj paroli komencis.

Hjôe: "Ŝi tre saĝumas, tamen la amuzilo doloron kaŭzas al ni. Kia ino povas havi mastrinon kiu amas papilion!?

Kial aĥ senpripense
Venis mi por raŭpon vidi,
Kiun tamen papilio
Rekte faras el si mem?"

Ridis Kodajû kaj diris:

"Envias ni elkore;
Flor-papilion alie oni
Amas, tamen ho ve ĉi-tie
Nurnur raŭpon naŭzan rancan.

---

* virina kutimo tiama.

O helpon! ŝiaj brovoj similas al raŭpoj, do la dentokarno povas esti tiu senŝela."

Sekve ironiis Ŝakon:

"Venu vintro kiam ajn,
Ni vin frostan ne timas.
Ĉar sin ĉi tie trovas
Multe da bestoj kun ŝeloj.
Oni ne bezonus vestojn."

La pabilio trafis la orelojn de vulpa mezaĝulino.

"Kion diras vi junulinoj?! Papiliamanto estas ne ĉiam supera, eĉ mala, mi pensas. Nu, ĉu povas ekzisti papilio sen raŭpo? La unua, vi sciu, estas la dua nur senhaŭtigita. Esplorinte la problemon nia fraŭlino amas raŭpon. Ja tio estas signifa. Krome papilio, se oni kaptas ĝin, ne nur gluas abomenindan pulvoron sur la manon sed turmentas ilin per tremfebro. Hu, morto kaj infero!"

La aliaj ĉe tio eksentis pli da antipatio kontraŭ raŭpo kaj malbondiris.

Al la knaboj, kiuj kaptis bestetojn, la fraŭlino donis materiojn bonajn aŭ de ili deziritajn, ili tial volonte kolektis por ŝi multajn timigajn. "Al raŭpo apartenas impona hararo, sed nenia poemo malnova",—ŝi, nekontenta, celis ankaŭ mantojn kaj limakojn, aŭskultis la knabojn de ŝi ordonite kantaĉi, kaj mem laŭte recitis:

«Batalas oni por kio,
Sur la limaka palpilo?
.......................»

Kutima nomo estas proza, ŝi sentis, la knabojn nomis kvazaŭ bestetojn: Tervermulo, Bufviro, Akridulo, Centpiedulo k. t. p.

Oni pri ŝi eksciis, ke kreskis famo malbona. Inter la aŭdintoj troviĝis bofilo de unu nobelo, torenta-sentima-petolema. "Tamen ĉi tiun eĉ ŝi timos."—li el fino de zono lerte faris movkapablan serpenton kaj metis en sakon skvamosimilan.

«Volas esti apud vi
Mi rampanta rampanta
Tiel longe kiel mia
Korpo ho jen aspektas.»

Kvankam al la donaco ligitan leteron tian oni legis, rimarkinte nenion ĝin alportis antaŭ la fraŭlino, kun miro pro l' pezeco malfermis la sakon. —O serpento! la kapon eklevis. La servistinoj konsternite ŝirkriis, dum la fraŭlino sin tenis kviete. "Namo,* Amidabuda'. Namo, Amidabuda'.... Ne la maltrankvilon! Eble nia patro ĝi estis en la antaŭa vivo." Malgraŭ tio tremetis ŝi vizaĝo-flanke kaj ne kuraĝis ĝin altiri proksimen. Jen ekstaris, jen residiĝis ŝi ja kiel papilio, la voĉo estis kvazaŭ ĉe cikado. La servistinoj forkurante ridis, ridegis. Informita de ili, patro ŝia koleris. "Aĥ malnoblan abomenindan okazaĵon mi aŭdas! Kial ĉiuj deiris vidinte tian objekton propraokule?" kaj kun la glavo li tien flugis.

---

* preĝa vorto de budaismo kiu signifas «savu nin», tamen 90-procente formala.

# 今昔物語 HAKAMADARE

## 袴垂 "El KONĴAKU-MONOGATARI"

Tradukis Teruhiko IŜIGURO

Iam en antikva tempo vivis brava ŝtelisto kun la nomo Hakamadare. Kun koro maltima, korpo forta kaj kapo saĝa, li estis homo nekomparebla en la mondo. Ĉirkaŭe en oktobro tiu ĉi viro bezonis vestaĵon kaj por gajni kelkajn li iris serĉi de loko al loko konvenaj al sia celo. Ĉirkaŭ la noktomezo, kiam homoj estas ĉiuj kvietaj en dormo kaj la luno duonlumas, li trovis sur larĝa vojo homan figuron, kiu en delikata vesto, ŝajne *karikinu*,* sola paŝas ludante fajfilon, ne forpase sed malrapide kiel en procesio. Ho, aperis jen tiu homo por esti prirabita la veston, pensis Hakamadare kaj iris akompane ĉirkaŭ du-tri ĉoojn,** sed tiu tamen paŝas fajfante pli kaj pli kviete sen ia signo de rimarkiĝo pri la spionado. Do Hakamadare kun laŭtigitaj paŝbruoj alkuris lin por provi, sed tiu aspektas neniom surprizita kaj turnis la rigardon al li fajfante tiel trankvile ke li ne povis trovi eĉ ŝajnan eblecon ataki kaj forkuris.

Tiel Hakamadare provis multajn fojojn en tia kaj tia manieroj, sed eĉ ne sukcesis aperigi ĉe li la plej malgrandan signon de maltrankviliĝo.

Tio ĉi estas mirinda homo, pensis Hakamadare kaj postsekvis pli ol dek ĉoojn. Fine li decidis en si ke tiel tamen neniel povas esti; li elingigis la glavon kaj alkuris lin provoke. Tiam tiu ĉesis la fajfadon kaj demandis lin returnen paŝante. "Kiu vi estas?"

Se tiel starus sola eĉ demono ia ajn, li estus kuratakinta ĝin; sed nun kvankam ne troviĝas io tre timinda, li tamen ial estis terurita tiom forte ke li sentis kvazaŭ la koro kaj la hepato ĉesus funkcii kaj la morto lin trafus; li ekkaŭris teren nescie. "Kia homo vi estas?" Ĉe la refoja demando li konvinkiĝis ke nun jam ne estas eble forkuri, se li volas kaj respondis. "Mi estas rabisto kaj nomiĝas Hakamadare." "Tiun nomon mi konas. Kiel danĝera kaj stranga hometo! Venu kun mi!"

Dirinte nur tion li daŭrigis la paŝadon denove fajfante kiel antaŭe.

Hakamadare estis forte timigita de la vido de liaj trajtoj, atestantaj la superordinarecon kaj sekvis post li preskaŭ senkonscie kvazaŭ rabata de demono.

Baldaŭ tiu trairis la pordegon de granda domo kaj supreniris kun la ŝuoj sur la verandon. Ĝi estis la mastro de tiu ĉi domo, pensis Hakamadare; dume tiu eniris la internon kaj baldaŭ elvenis, vokis al si Hakamadaren kaj donis al li dike kotonumitan veston.

"Estonte kiam vi bezonas ion similan, venu al mi peti. Ne akiru vundon per la atako al nekonataj personoj!" Dirinte tion ĉi li malaperis en la internon. Poste

* Karikinu=unu speco de antikva kimono por viroj.

** Ĉoo=ĉirkaŭ 110 metroj.

芥川龍之介

沼 池

# MARĈEJO

de Rjuunosuke Akutagaŭa

Tradukis Koĉiku Sekimoto

Estis pluva posttagmezo. En unu salono de iu ekspozicio de pentraĵoj, mi eltrovis unu malgrandan olepentraĵon. "Eltrovis"—estas iom tro granda esprimo, sed la pentraĵo preskaŭ meritis la vorton, ĉar ĝi sola pendis kvazaŭ forgesite, en unu anguleto ekstreme malbone lumigata, kaj plie en terure mizera kadro. Se mi ne eraras, ĝia titolo estis "Marĉejo." La aŭtoro estis ne fama, nek iom konata de la mondo. Kaj la pentraĵo mem prezentis nur malpuran akvon, humidan teron kaj plantojn amase kunkreskantajn sur ĝi; do ĝi supozeble ne ricevis de ordinaraj vizitantoj eĉ unu rigardon laŭlitere. Krom tio estas strange, ke la aŭtoro ne uzis eĉ unu ekpenikon de verda koloro, dum li pentris densegan plantaron. Kano aŭ poplo aŭ figarbo, ĉio estis pentrita per malklare flava koloro. Simile al malseka mura tero, ĝi estas peze flava. Ĉu la koloro de la plantoj efektive tiel vidiĝis al la pentristo, aŭ ĉu iu motivo pelis lin al tia intencita ekstravaganco? — Starante antaŭ la pentraĵo, mi gustumis la senton ricevatan de ĝi, kaj samtempe mi ne povis esti ekster tiuj duboj.

Sed fariĝis al mi iom post iom klare, ke en ĝi kaŝiĝas terura forto. Precipe la tero en fronto estis pentrita tiom ekzakte, ke ĝi donis la ĝustan senton de la piedoj, kiam oni tretas sur ĝi. Se oni tretus, la piedo ĝis maleolo ekmalaperus kun obtuza bruo; ĝi prezentis tian senton de mola ŝlimo. En tiu malgranda pentraĵo, mi trovis unu turmentatan artiston, kiu volis akre ekpreni la naturon. Kaj de la flavaj plantoj en la marĉejo, mi ricevis tiel ekstazan kortuŝan emocion, kiel de ĉiuj elstaraj artaĵoj. Fakte inter grandaj kaj malgrandaj bildoj en la sama salono, mi trovis neniun, kiu povis kontraŭstari al tiu.

"Vi ŝajnas tre admiranta."

Kune kun tiuj vortoj frapite al la ŝultro, mi sentis kiel se io estus forsvingita de mia koro, kaj abrupte turnis mian kapon.

---

Hakamadare rimarkis ke la domo apartenas al Iasumasa, la eksguberniestro de Seccu. Ĉe la penso ke tiu, kiun li atakis, estis tiu ĉi persono mem, li skuiĝis pro timo ĝis la fundo de la koro kaj morte pala eliris de tie. Oni diras ke poste kiam Hakamadare estis arestita, li konfesis "Kiom neesprimeble timige kaj terure aspektis la sinjoro!"

Kvankam tiu ĉi Jasumasa-Ason ne estis de militista familio sed tamen neniom malsuperas la militistojn de militista deveno; kun la koro maltima, la mano sperta kaj la korpo forta li estis tiel eminenta ankaŭ per sia prudento ke la kortego komisiis al li la oficon de milita afero kaj neniom bezonis plu prizorgi.

Tial oni rakontas tra la generacioj ke la tuta popolo pace obeis kaj timtimis lin senlime.

"Kiel vi opinias pri tiu?"

Tiel dirante en simpla maniero, la alparolinto montris al mi la pentraĵon de marĉejo per sia mentono ĵus razita. Dika kresko en bruna jako laŭmoda, kaj ĉiam memfida pro sia koncerna informiteco, — li estis ĵurnala raportisto pri bildarto. De li jam antaŭe je unu aŭ du fojoj, mi ricevis malagrablajn impresojn, kaj tiu memoro igis min respondi tre ne volonte.

"Ĝi estas majstroverko."

"Majstroverko — ĉu? Tio estas interesa."

Li ridis skuante la ventron. Eble surprizite de la voĉo, kelkaj homoj, kiuj apude observis pentraĵojn, turnis sin al ni kvazaŭ konsentinte. Al mi fariĝis pli malagrable.

"Estas ja interese. La fakto estas, ke la pentraĵo ne estas la verko de iu membro. Sed, ĉar la pentrinto senĉese diradis ke li elmontros ĝin en tiu ĉi ekspozicio, lia postvivanta familio petis al la komitato, kaj fine estis permesata pendi ĝin en tiu ĉi angulo."

"Postvivanta? Do la aŭtoro estas mortinta?"

"Jes, li estas mortinta. Cetere li estis kvazaŭ mortinta eĉ dum li ankoraŭ vivis."

Intertempe mia scivolo estis fariĝinta pli forta ol la malagrabla sento.

"Kial?"

"Li estis freneza de longe."

"Ĉu tia, jam dum li pentris tiun ĉi?"

"Kompreneble. Krom frenezulo, kiu pentras bildon kun tia koloro? Malgraŭe, vi admiras ĝin kiel majstroverkon. Tiu punkto estas tre interesa, ĉu ne?"

Li denove ridegis laŭte, kun kontenta mieno. Supozeble li esperis ke mi hontos pri mia nescio; aŭ unu paŝon pluen, li eble intencis impresi min pri sia supereco en la aprecado de belarto. Sed liaj esperoj ambaŭ fariĝis vanaj. Aŭdinte lian rakonton, mi perceptis, ke preskaŭ solena sento donis neesprimeblan vibradon al mia tuta nervaro. Kortuŝite, mi denove rigardis en la bildon de la marĉejo. Kaj en la malgranda kanvaso mi denove trovis la figuron de kompatinda artisto turmentata de terura senpacienco kaj maltrankvileco.

"Cetere, lia freneziĝo ŝajnas deveninta de tio, ke li ne povis pentri laŭvole. Nur tiurilate oni povas taksi lin iom."

Kun serena mieno ridetis la ĵurnalisto preskaŭ ĝoje. Tio ja estas la unu sola rekompenco, kiun la nekonata artisto — unu el ni, oferinte sian vivon, nur sukcesis gajni de la publiko. Mi sentis eksterordinaran senton tra la tuta korpo, kaj triafoje turnis la rigardon al la melankolia olepentraĵo. Tie inter la malhela ĉielo kaj akvo vivis la kanoj, poploj kaj figarboj kun la koloro de malseka flavaĉa tero; ili ja vivis kun tiel terura potenco, ke mi vidis la naturon mem....

"Majstroverko!"

Rigardante la ĵurnaliston ĝuste en lian vizaĝon, mi tiel ripetis triumfe.

# KVODLIBETO DE UTAO

F-ino ŜIMANUKI-Kijoko

En helena epoko Atenanoj fine unuigis siajn eŭropajn ŝtatojn post la malfacila batalado en Trojo. Tiam ili devis pripensi, kiamaniere ili sin tenu kaj regu super la tuta lando. Tiu "kiamaniere" serĉis "metodon." Oni diras ke ĝi estis la primitiva scienco.

Nun por esplori la originon de la naiva literaturo mi neglektas. Min interesas alia flanko. Kio donas kolorojn al literatura bukedo? Mi ĉerpas temon el poemo.

Laŭ Sinjoro HAGIŬARA-Sakutaroo: Se poeto devojiĝas de sentimentala liriko al senpatosa[1] epiko, baldaŭ li atingos al romano; esenco de poezio signifas la lirikon. Tiu liriko unue en Grekujo troviĝis kiel himno, poste kiel elegio.[2] Ĝi ritmiĝis heksametro kaj pentametro, alie jamba. De Sappho kaj de Alcäus, laste de Pindaros la klasika koruso pleje dolĉe parfumis.

Sed en Japanujo, kian oni trovis lirikon? Por la liriko ni havas nomon utao ("tanka"). Priskribinte utaon ("tanka"), mi sidas malĝoja. Ĉar antaŭ mi ĝi jam ricevis metamorfozon. Tie mi pensas pri vorto, kies membro estas literoj, kiuj ludas gravan rolon sur literatura kampo. Sufiĉus noti ke dum ia eŭropaj literoj fonetismaj, tute malsimile la antipodaj orientaj estas ideografiaj.[3] Kontraste al la unuaj subjektivaj la lastaj vidiĝas male objektivaj. Jes, kvazaŭ muzikaĵo por soni en fluo de la subjektivo ili havis rimon, ritmon kaj strofon. En Grekujo la rapsodoj migradis aspergante belan melodion.

Sed ĉe japanoj alia kondiĉo ekzistis. Unue, la karaktera ideografio estas ne nur signo por la signifo, sed ĝi, kiu montriĝas sugeste desegnita simbolo kiel signo por la kvintesenco, jam mem estiĝas artaĵo. Oni preskaŭ malfacile scipovus refreŝigi per la eŭropaj literoj sur eĉ unu paĝon la propran ĉarmon de nia verso! Malgraŭ tio mi estis iom kontenta aŭdinte ke iu franco vizitinte la malnovan ĉefurbon Nara aŭdis la naŭringojn super la templo harmonie sonoradi laŭ blovo, kaj elbuŝiĝis lia ĝojkrio: Jen fluas la melodio de Debussy. Vere, famo heroldis ke tiam japana morbida ĝenro pendiĝis sur la muro en la ĉambro, kie tiu komponas "la mer."[4]

Plue, pri japanlingvo mi rememoras ke dum 1500 jaroj japanoj uzadís apud la ĉinaj literoj propre elpensitajn 50 literojn fonetismajn. Dank' al tiuj literoj du specaj, japanoj rajtus apreci la orientisman artaĵon kaj alproprige abstrakti la okcidentan sciencan

1. Patosa, kiu venis de greklingvo; "patos" kontraŭ "logos".
2. Unu formo de versaĵo, naskita de greko. Tiutempe ĝi ne estis trista aŭ plena de sopiro.
3. Tamen, la plejmulto el ĉiuj ĉinliteroj estas hierografia. Kaj la cetera estas klasifikita en 5 kvalitojn, el kiuj troviĝas eĉ la fonetisma.
4. La maro de C. A. Debussy (1862-1918). En ĝi miaj oreloj ensorbas harmonion la impresan kvazaŭ de profunda glaŭko el la ondetmaro de nia pitoreska Japanujo.

civilizon.[5]

Sekve, nia parolata kaj skribata stiloj troviĝas ege malsamaj. Kaj ankaŭ al tio rilatas la utao.

En la primitiva periodo kantebla kantiko kunvivis kun deklamebla liriko, sed ne tiel distingite. Iom post iom ili apartiĝis aŭ muzika aŭ literatura. Kiel ekzemple, fama kantarto aŭdiĝas " utajo " en " noo ". Kaj el la dua formiĝis la utao. Kutime oni informas pri la utao ke ĝi ordinare postulas 31 silabojn el 5 versoj, el kiuj 1-a kaj 3-a versoj posedas 5 silabojn kaj la ceteraj 7 silabojn. Rimo ne ricevis gravan laboron. El tia organismo, anstataŭ iĝi aŭ aedo aŭ bardo, niaj poetoj la lirikon faris literartan. Klarige; el la utao elkreskis ne simple ĝenerala liriko, samtempe orientismoplena belartaĵo kun la literoj karaktere manskribitaj per la broso kaj la tuĉo. La kaligrafio apartenis al la poeta tasko. Ĝis tie ĉi skizita individuo estadis tradicie laŭformala en la daŭro de pli ol 2000 jaroj.

Sed modernatempe la presarto estis eltrovita. Oni ne lasis ĝin ankaŭ por la publikigo de la utao. De tio la poeto pliperdas la personecon ĉe la litera esprimo. Do vole-nevole la subjektivo alternos la objektivon. Alivorte, la sprito sin kulturos plu. Jen, ververe, kio kondukas evolucion, tio metamorfozos ankaŭ en la tradician lirikon en morgaŭan tipon. Tiam, el ĝisnuna modelo precipe la klasika estas revidinda. Nun mi prezentas etan tabelon por ke oni espereble elverŝos laŭ sia gusto la sencon el la patosa liriko rememorante aŭ melodian melopeon de la 5 versoj aŭ la mistikan ĉarmon el la tuĉkoloro de la 31 literoj.

La tabelo de tradukoj de utaoj.

B. H. Chamberlain: The Classical Poetry of the Japanese. 1880.
J. Gautier: Poèmes de libellule. 1885.
B. H. Chamberlain: Japanese Poetry. 1910.
W. P. Porter: A Hundred Verses from Old Japan. 1913.
L. Hearn: Japanese Lyrico. 1915.
Nico (D. Horigutchi): Tankas, petis poèmes japonais. 1921.
I. Goll: Les cinq continets. 1922.
C. H. Page: Japanese Poetry. 1913.
Nico D. Horigutchi: Poèmes de Konosuké Hinatz. 1923.
A. Lorenzen: Die Gedichte Hitomaro's aus dem Manyōshū. 1927.
(* Veröffentlichungen des Seminars für Sprache und Kultur Japans an der Hamburgischen Universität).
J. L. Pirson: The Mannyôshû. 3 vol. 1929, 1931, 1933.
A. Chanoch: Die altjapanische Jahreszeitenpoesie aus dem Kokinshū. (*La samo).

---

5. Pri la du literoj, kiuj apartan forton infludonas al ni je penskapablo, G. W. F. Hegel (1770–1831) logike studis. Cetere, oni bone konas; al la stato ĉirkaŭ Hegel, kiu neniam uzis alinacian lingvon krom citaĵoj, nuntempe la monda cirkonstanco staras tute nesimile ŝanĝita. Jam el nia Esperanto kreskiĝos la pimpa pazilalio en la mondo limsenigita.

# Listo de Esperantaj Tradukoj de Japanaj literaturaĵaj

( 2 )

1. Mallongigoj: H. E.=Heroldo de Esperanto, L. M.=Literatura Mondo, E. K.=Esperanto Kiboŝa, V. U.=Verda Utopio, O. A.=Orienta Azio, S. Ĉ.=Samideano Ĉiumonata, O.=Oomoto, V. M.=Verda Mondo, O. I.=Oomoto Internacia.
2. La materialojn sendis S-roj K. FUKUTA (Osaka), K. SISIDO (Kioto), K. OZAWA (Gifu), S. HOSOI (Hokkajdo), T. KAMIMURA (Kameoka).

| ORIGINALO (原著) | | TRADUKO (譯) | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭtoro | Titolo | Titolo | Tradukinto | Gazeto k. a. |
| | IĈINOTANI HUTABA GUNKI | La Ĉerizfloroj de Suma'o (Dramo) | K. FUKUTA | O. A. III, n-ro 9-10, 8-11; n-ro 11, 11-15; IV, n-ro 1, 8-13; n-ro 2, 13-17; n-ro 3, 9-14; n-ro 4, 10-15; n-ro 6, 18-20; n-ro 9, 4-8; n-ro 11, 14-17. |
| | EL JAPANAJ MITOJ | Blanka Kuniklo | O. MUTO (武藤於菟) | O. A. III, n-ro 2, 9-12. |
| | 〃 | Sep Virgulinoj | 〃 | O. A. III, n-ro 3, 9-12. |
| ĴIPPENŜA, Ikku el "Hizakurige" | | Manĝuoj Konkurado | K. OSSAKA | O. A. IV, n-ro 1, 13-15. |
| 〃 | | Trompita Portilisto | J. HIRANO (平野夕顔) | V. U. I, 9-10 |
| JOŜIDA, Kenkoo el "Curezure-Gusa" | | Macuŝita Zenni | K. TAKAHAŜI (高橋邦太郎) | O. A. IV, n-ro 2, 9-10. |
| 〃 | | La Monaĥo Dancisto | 〃 | O. A. IV, n-ro 3, 5-9. |
| 〃 | | Potkreskaĵoj de Tamekane, Dainagon | 〃 | O. A. IV, n-ro 4, 5-6. |
| ? | | Konkuro de l' Artoj | K. OSSAKA | O. A. IV, n-ro 5, 6-7; n-ro 7, 20-21; n-ro 8, 13-16. |
| El "MANJOOŜUU" | | Juurjak, la XXI-a Imperiestro | T. ITO ( ? ) | O. A. V, n-ro 2, 15-16. |
| ? | | Kateto kiel Atestanto | K. OSSAKA | O. A. III, n-ro 9, 9-12. |
| ? | | Tondaja Sookiĉi | M. HIKOSAKA (彦坂) | Aparta eldono, 1914. |
| ? | | Kumaŭaka Revenĝo | SAKAMOTO (坂本) | S. Ĉ. I, 5-8, |
| ? | | Sookiĉi Tondaja el Ooka'aj Juĝoj | MOTOHIKO ( ) | S. Ĉ. I, 9-13, 23-28. 40-44, 59-63. |
| ? | | Muneto Abe | K. TAKAHAŜI | Literaturo, n-ro 21, 98-108 |

